# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 3 (75) MARZO, 1955

## CADA CUAL CON SU IDIOMA...

El pequeño esfuerzo mental que supone el estudio del Esperanto, y que todos encuentran ser muy productivo, significa algo más que el hecho práctico de poder hablar y escribir a multitud de personas de otros países, con los que no habría posibilidad de hacerlo sin el Esperanto. Quien conoce el Esperanto, como todo el que domina un idioma ajeno al suyo, ensancha el horizonte de sus posibilidades, aumenta su espacio vital y, sin perder su característica nacional, encuentra que su mundo se amplía, sus conocimientos se dilatan, y se convierte, cada vez más, en un ser más útil a la humanidad total del globo terráqueo. Este hecho, que ocurre, como acabamos de apuntar, en todo el que maneja con soltura un idioma cualquiera, se produce con más intensidad en aquellos que dominan el Esperanto. Efectivamente, el que conoce un idioma nacional, además del suyo, puede trabajar, estudiar y relacionarse con extranjeros con mayores posibilidades que los que no conocen mas que su propio idioma. Pero, a pesar de todo, al utilizar el idioma ajeno, lo efectúan con menor soltura que con el propio, lo cual origina un estado de inferioridad con relación a los que usan su propio idioma. Esa humillación, que convierte a un hombre hecho y derecho, en menos que un niño, o en un ser propicio al ridículo, ha originado en muchos países un clima de hostilidad idiomática, que ha producido multitud de fricciones poco gratas. Se ha llegado a tomar en algunos países, como norma, que los extranjeros deban hablar en el idioma del país, si quieren entenderse con los nativos, aunque estos hayan cursado seis u ocho años el idioma de su interlocutor, y no debemos olvidar que, en ciertos países, en una bicicleta se puede, en menos de un día, cruzar distintas regiones en las que ocurre algo peor que no entenderse, que es el no quererse entender! El valor cultural del Esperanto

## PREMIO RIGAL

Nuestro buen amigo Juan García Rigal, dando una prueba más de su amor a la cultura y a lo que el Esperanto representa, ha instituído un premio de 500 pesetas para estimular el estudio del idioma internacional entre los alumnos asistentes a los cursos organizados por el Grupo Esperantista de Valencia. Hemos creído conveniente dividir dicho premio en dos: uno de 300 pesetas y el otro de 200. Ambos serán concedidos a los dos alumnos más aventajados y la entrega se efectuará en la fiesta anual conmemorativa del nacimiento del Doctor Zamenhof, en Diciembre del presente año. El noble gesto del amigo Rigal merece toda clase de elogios, entre los cuales vá en primer lugar el nuestro muy cálido y efusivo.

## RADIO UNION DE BARCELONA

Ni informas al niaj aŭskultantoj kaj al la tuta hispana samideanaro, ke la esperantaj dissendoj «La Voĉo de la Mondo» en kaj pri Esperanto, ekde la 15-a de pasinta Januaro okazas ĉiusabate, anstataŭ merkrede, je la 6'45 ĝis la 7-a vespere (hispana tempo). Ondlongo, 360 m. Samtempe ni kun plezuro komunikas, ke la potenco de nia stacio estis plifortigata. Tio permesas alvenigi niajn programojn al pli vastaj kampoj kaj sekve esti aŭskultataj de pli multenombra aŭdantaro.

Radio Unión, Esperanto-Fako

La Gvidanto, *Juan Viver*


BOLETIN

de la

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

BULTENO

DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA


se basa en esta noción esencial: a una distancia poco más o menos idéntica del idioma de todos, se halla, en zona neutral, ese idioma fácil de aprender, mediante el cual, con perfecta adaptabilidad todos pueden comprenderse sin necesidad de humillarse ante un extranjero, balbuceando su idioma y dándole con ello una manifiesta e insultante superioridad dialéctica. Mientras él habla con exquisitez, el oponente suda y se acongoja para expresar torpemente lo que piensa. Este estado de patente humillación es el que ha llevado a los japoneses, raza tan culta como la que más, al acercamiento al Esperanto. Recientemente, el Doctor Yanaibara, rector de la Universidad Imperial de Tokio, ha recomendado calurosamente a la masa estudiantil japonesa el estudio del Esperanto para relacionarse con los extranjeros, ya que éste, además de ser un idioma perfecto para traducir las disciplinas técnicas, los conceptos filosóficos y los estados patéticos del alma, constituye el único medio de relacionarse con los occidentales sin tenerse que humillar y rebajar utilizando un idioma con el que se da ventaja al interlocutor. Este criterio es el que impera cada vez con mayor pujanza en el país del Sol Naciente, y que ha desarrollado el uso del Esperanto en universidades, escuelas, revistas, radio, etc., con mayor rapidez y densidad que en Europa misma, a pesar de que el Esperanto es un idioma auxiliar esencialmente europeo. El crecimiento general del sentimiento nacional, en todos los países del mundo, que produce el auge del idioma propio, lleva consigo la multiplicación de idiomas, con merma del de los antiguos colonizadores, que en cierto modo servía de idioma de relación internacional. El apagamiento de su influencia y la consiguiente multiplicidad de lenguajes que toman su lugar llevará naturalmente a un mayor embrollo lingüístico que no puede menos que conducir a la solución ideal del problema: «Cada cual con su idioma, y el Esperanto, para todos!»

# NI DEVAS DONI, SE NI VOLAS RICEVI

Ĉie ni trovas la helpon de Dio, sed ni devas vigle stari por ne perdi ĝin, ĉar neglekta peko ankaŭ havas siajn konsekvencojn. Ni devas ne forgesi, ke Dio metis sub nian protektadon la bestojn, niajn malpliaĝajn fratojn, kaj sekve ni devas dediĉi al ili nian helpon kaj nian amon. Per la historio, kiun mi rakontas, ni povas ĉerpi saĝajn konkludojn en rilato kun tio asertita supre.

En somera posttagmezo, en bela urbeto en Franclando kun proksimume kvar mil loĝantoj, rapide preterpasanta aŭtomobilo sin direktis al alia proksima urbo. Subite oni aŭdis frapon kaj doloran hundĝemon, kiu disŝiris la koron. La aŭtomobilo jam forkuris malproksimen kaj multaj personoj eliris el siaj hejmoj por vidi, kio okazis. Sur la ŝoseo, sanganta hundo ĝemadis pro doloro. Neniu rekonis ĝin kiel sian; ĝi estis vaganta hundo. Ĝendarmo decidis mortpafi ĝin; sed voĉo aŭdiĝis, kiu kontraŭstaris lian intencon, tiel: «Ĝi estas estaĵo, kiu rajtas vivi kaj meritas esti flegata». Ĉiuj ĉeestantoj konsentis, kaj tiu, kiu estis parolinta, kunportis la hundon al sia hejmo. Li flegis ĝin tiel bone, ke post kelkaj semajnoj ĝi tute resaniĝis sen nenia postsigno. Ĝi estis bela hundo, kiu ĉiam kaj ĉien akompanis sian mastron.

Kelkajn monatojn poste, S-ro Duran (tiu estis la nomo de la kompatema persono) ekskursis kun sia hundo al la najbara montaro. Ili alvenis al iu loko, kie deflankiĝante de la vojo, ili interniĝis tra densaj kreskaĵoj. Subite la mastro terenfalis inerte. (Poste oni sciis, ke sveno okazis al li pro kapturniĝo). La hundo, vidinte tion, malkvietiĝis, ĝemis kaj rigardis sian senmovan mastron, komprenante ke ne temis pri dormo. Ĝi faris tion, kion oni neniam instruis al hundo, al besto kiu ne havas saĝon nek scion; ĝi faris tion, kion ĝi neniam vidis fari; ĝi prenis de la dorsosako sian mastron kaj ektiris, trenante lin sur ŝtonplena malglata tero. Ĝi haltis, ripozis por komenci denove dek, dudek fojojn ĝis alporti tiun inertan korpon kiel eble plej proksimen de la forlasita vojo. La pruvoj de ĝiaj klopodoj estis tie evidentaj; la trensignoj, nediskuteblaj. Ĝi senespere bojegis, gis vojiranto estis atentigata kaj alproksimiĝis. La hundo, kvazaŭ ne volante timigi lin, ĉesis boji kaj, svingante la voston, gaje proksimiĝis al li kaj revenis al la korpo de sia mastro, reektirante de la dorsosako. La preterpasanto konjektis, ke io eksterordinara okazis kaj vidsekvis la elmontrojn kaj movojn de la hundo, kiu antaŭeniris kaj revenis al li, kvazaŭ invitante lin akompani. La mastro estis savata dank' al la ĝustatempaj zorgado kaj flegado.

La hundo, kiun neniu rekonis kiel sia antaŭ monatoj, estis poste la plej dorlotita estaĵo en la urbeto. Se ĝia mastro ne estus savinta ĝin en tiu akcidento, li estus pereinta. Dio, pro tiu bonfara ago al senhelpa vundita besto, savis tiun homon de certa morto.

*Margarita Ots, Santiago de Chile*
**Elhispanigis Jaime Miró**

---

## HISPANA ESPERANTISTO EN SCIENCA MISIO DE UNESKO

***UNESKO*** elektis S-anon Prof. Francisco Azorín Poch, de Madrid, por plenumi gravan sciencan taskon en Venezuelo. S-ano Azorín estas tre konata de la madridaj esperantistoj, kiuj scias pri lia flua esperanta parolkapablo pro liaj prelegoj en Madrida Esperanto-Klubo. Nia lingvo estis lia hejma lingvo dum lia infanaĝo, kaj ĝi estis al li instruata de la germana S-ano J. F. Berger (nuna redaktoro de Germana Esperanto-Revuo) kiam S-ano Azorín estis nur 9-jara. Li lernis matematikan statistikon en la Madrida Universitato kaj daŭrigis eksterlande siajn studojn. Nun li estas profesoro en la Statistika Lernejo kaj membro de la Nacia Statistika Instituto. Lia scienca laboro diskoniĝis per liaj artikoloj en la faka revuo «Trabajos de Estadística» kaj aliaj gazetoj. Nun UNESKO petis lian kunlaboron por sia servo de teknika helpo, kaj sendis lin al Caracas, en kies Universitato li laboros kun aliaj profesoroj en la studo de specimenado kaj en diversaj statistikaj laboroj. Ankaŭ li gvidos kursojn pri tiu scienco. Ni deziras al li plenan sukceson.

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**STEIERMARK** (Stirio). Prospekto kun Esperanto-aldono havebla kontraŭ 1 respondk. ĉe Josef Eder, UEA-VD, FD, Graz, St. Veit, Aŭstrio.

Antaŭ ol recenzi ĝin, mi komplezas per logika peto, nome: «La esperantistoj bonvolu konsideri, ke la prospekto kostis multan monon kaj ne dormu en ies privatmuzeo, sed diskoniĝu. Ju pli ni pruvas al la fremdultrafiko la valoron de Esperanto, des pli ni rajtas postuli, des pli ni estos subvenciataj». Efektive la turismvaloro de tiu belega prospekto estas granda. Ĝia tutkolora preso tre bone prezentas al niaj gapaj okuloj la imponajn pejzaĝojn de la verda lando Stirio. La titoloj kaj adekvataj tekstoj estas en lingvoj germana, angla, franca kaj itala. La graciaj kaj bonhumoraj desegnaĵoj kaj karikaturoj kompletigas la tutan ĉarmon. Sed nia spirita ĝojo subite grandiĝas kiam ni legas la etan historieton: «Se ino faras vojaĝon». Pere de la Esp-aldono ni nevideble prenas la manon de la juna kaj belega fraŭlineto Margit kaj sekvas ŝian misteran sed agrablan aventuron tra la nekonata altira lando ĝis la forira momento. Fine la kuraĝa protagonistino trovas sian Egon kaj sian feliĉon.

*Jaime Aragay.*

**SHOULD THE WORLD LANGUAGE BE RATIONALIZED?** (Ĉu la monda lingvo devus esti raciigata?), de J. Stig Hansen, Headmaster, Lundtofte, Lyngby, Danlando.

En tiu ĉi dense skribita faldfolio, la aŭtoro, kiel ĉefo de la Norvega Oficejo en la Nacia Vojaĝo-Asocio de Danlando, rakontas al ni, konscie kaj serioze, siajn personajn impresojn, siajn specialajn spertojn rilate la supre starigitan demandon. Laŭ lia grava opinio, nur Esperanto povas solvi definitive tiun necesan urĝan problemon de la homaro. Ĝoje ni plene identiĝas kun lia sincera opinio, kiun ni tutkore dankas. Estas agrable konstati, ke la esperanta semo falas sur bonan grundon!

*Jaime Aragay.*

**KORAN BONVENON EN STUTTGART.** Eldonita de Verkehrs und Wirtschaftsforderungsamt der Stadt Stuttgart, Germanujo.

Turisma faldprospekto pri tiu grava germana urbo, ĉefurbo de la lando Baden-Wurttemberg, kun 570000 enloĝantoj. Belaj fotoj kaj mapo. Laŭ la fotoj kaj skiza priskribo, vizitinda urbo.

**PILGRIMEJOJ DE LA ĈEFDIECEZO SALZBURG.** Eldonis Grupo «Estonteco», de Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, Kapitelplatz 2, Salzburg, en kunlaboro kun Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, Hofburg, Wien 1. Mendebla ĉe tiu lasta adreso kontraŭ 1 rpk.

Ĉi tiu faldprospekto 8-paĝa, kun enkondukaj vortoj propramane skribitaj en Esperanto de ĉefepiskopo D-ro Andreas Rohracher, kaj 7 bildoj, invitas viziti, okaze de la Maria-jaro, la Maria-pilgrimejojn de Salzburg, Aŭstrio.

**BONN-BUNDESHAUPTSTADT AM REIN.** Eldonita de Stadtisches Verkehrsamt, Bonn, Germanujo, Poststrasse 27 - 29.

Faldprospekto pri la okcidentgermana federacia ĉefurbo, enhavanta multajn nigrajn kaj kolorajn fotojn. Originale verkita trilingve (germane, angle kaj france), enhavas aldonon en jenaj kvar lingvoj: nederlanda, sveda, hispana kaj esperanta. Ricevebla senpage de la UEA-Delegito S-ro Ernst Kind, Nordstrasse 97, Bonn, Germanujo.

**PINHEIRAL (PINARBARO),** Kultura Revuo de la Junularo kaj de la Disvastigo de Esperanto. Adreso: Carlos Geiser, Praca Carlos Gomes 288 (Esq.), Curitiba, Paraná, Brazilo.

Ni ricevis la unuan numeron de ĉi tiu gazeto en portugala lingvo, kiu enhavas lecionojn de Esperanto kaj anoncas la kreon de Brazila Koresponda Centro por Tuta Mondo. La redaktoro S-ro Geiser meritas ĉiajn laŭdojn pro siaj poresperantaj klopodoj.

# HISPANA KRONIKO

*LA LAGUNA, Tenerife.* Nia estimata samideano S-ro Juan Régulo Pérez, eldonisto kiu, kiel estas konate de niaj legantoj, ekpublikiĝis la libroserion *Stafeto*, tiel sukcesa en la esperantistaj rondoj, verkis kvar artikolojn pri Esperanto por la gazetaro de Santa Cruz de Tenerife, kiam nia afero prezentiĝis antaŭ Unesko. Tiuj artikoloj vekis eĥojn tie kaj tie, kaj kelkaj amikoj insistis ĉe tiu samideano, por ke li faru aranĝojn por komenci novan publikan kurson de Esperanto. Eĉ la konsulo de Venezuelo, S-ro José Roberto Vivas, kaj lia edzino, aŭstrino, filino de esperantisto, petis tion al S-ano Régulo unu kaj alian fojon. Li do devis cedi malgraŭ sia terura tempomanko, ĉar por Esperanto li estas preta al kio ajn. La unua leciono okazis la 8-an de Februaro en la Ŝtata Liceo de La Laguna kun tre kontentiga rezulto. En la dua leciono la nombro da partoprenantoj superis tiun de la unua fojo. Proksimume 50 personoj nun ĉeestas, inter ili pluraj katedraj profesoroj, ses geinstruistoj kaj multaj universitataj gestudentoj. S-ano Régulo mem gvidas la kurson kaj S-ro Angel Pombrol, Vicdelegito de UEA, helpas lin en la administraj kaj sekretariaj aferoj kaj verkis raporton pri la inaŭguro de la kurso, raporto kiu aperis en la gazeto «La Tarde», de Santa Cruz de Tenerife. En la unua leciono S-ano Régulo faris tre interesan prelegon pri Esperanto kaj pri la okazintaĵoj en la Asembleo de Unesko en Montevideo.

*SABADELL.* Organizitajn de Ekskursa Societo «Tierra y Mar» en kunlaboro kun la Esperanto-Sekcio de la Kooperativo «La Sabadellense», oni okazigis la sekvajn prelegojn: «Unua tempo de la Esperantismo en Parizo kaj Barcelono», Pujulá i Vallés, 14 Nov. 1954; «Fundamentoj lingvistikaj», Delfí Dalmau, 12 Dec. 1954; «Esperanto laŭ literatura vidpunkto», Manuel de Seabra, 16 Jan.; «Eugeno D'Ors kaj la Esperantismo», Mariano Solá, 13 Febr. S-ro Pujulá per sia humora dirmaniero bildigis la unuan epokon de nia movado en pluraj anekdotoj majstre prezentitaj. Aludinte la Sabadellanon Domeniko Serdá (kunfondinto de K. E. F., unua redaktoro de ĝia organo kaj iniciatinto de la famaj Internaciaj Floraj Ludoj) fariĝis paŭzo, dum kiu la familio Creus-Serdá faris donacon de artisma portreto de sia frato al la loka esperantistaro. S-ro Delfí Dalmau lerte klarigis en sia parolado plurfacetajn lingvistikajn punktojn, stimulante la publikon fari demandojn, kiujn li trafe kaj konvinke respondis. S-ro Manuel de Seabra, portugala verkisto, elokvente parolis pri la rolo de Esperanto en verkistaj medioj. Kronis la serion D-ro Mariano Solá, kiu per objektivaj frazoj analizis la naturecon de Esperanto rilate al la tiel nomataj naturaj lingvoj. Li diris, ke la ekzistantajn idiomojn kreis spontanee homoj; Esperanton ankaŭ kreis homo, D-ro Zamenhof. Kaj faris la komparon, ke same kiel lerta ĝardenisto, el ne kulturita rozo atingis post zorga sistema selektado la belegan rozon, kiu nuntempe ornamas niajn ĝardenojn, Zamenhof ellaboris, el la jam ekzistanta lingvomaterialo, regulan logike facilan interkomprenilon: Esperanto.

La lokaj ĵurnalo kaj radio anoncis la kvar prelegojn kaj poste raportis pri ili. Oni organizis Esperanto-Ekspozicion en la societo «Tierra y Mar», tre vizitatan, ankaŭ de la urbestro, kiu ŝatis kaj laŭdis ĝin. Samtempe estis ekspozicio de premiitaj priekskursaj fotoj kaj ankaŭ okazis la tradicia *pesebre*. — *V. Hernández Llusera.*

*BILBAO.* Grupo Esperantista de Bilbao ekklopodis fondi Ĥoron. La ideo estas subteninda kaj gratulinda, kaj ni deziregas jam aŭskulti niajn nordajn samideanojn, tiom inklinaj ĥore kanti siajn belegajn kantojn. Kaj se eble, ke tiu ĥoro partoprenu la kongresojn kaj tiel ni aŭskultos nian himnon bone kantatan, kiel ĝi meritas.

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## ANKORAŬ PRI LA «SUPLEMENTO» DE LA «PLENA VORTARO»

Kiam mi legis en la oktobra kajero 1954 de nia BOLETIN la recenzon de mia amiko L. Hernández al la *Suplemento* de la *Plena Vortaro* de SAT, tuj mi skribis al li kunsentan leteron. Sekvan decembron en la sama gazeto S-ano A. Kooy-van Holst laŭtigis sian voĉon kontraŭ la tezo de Hernández. Do nu juketis min deziro veni inter ambaŭ malakordulojn; tial, mia *tria* voĉo.

Sed jen unue antaŭu miaj gvidprincipoj pri esperanto-uzado: a) Mi favoras plenan ekspluatadon de la latentaj potencoj de esperanto en sencoj morfologia kaj vortfarada; b) Mi ne akceptas la teorion pri radika kategorieco; c) Ĝenerale, mi rifuzas la «naturalismon» de IALA kaj similaj skoloj.

Naturalismanoj penas aspektigi esperanton al iu latinida lingvo, malŝatante uzadon de pure esperantaj kunmetaĵoj kaj volante formi vortojn en strikta kadro de radikaj kategorioj; sekve ili ne volontas ion scii pri vigligo de nia idiomo per freŝaj esprimoj el propra vorttrezoro, kion ili nomas «troinventemo» aspektiganta esperanton al ia sekreta, esotera ĵargono, ne okule komprenebla por meze edukita homo... Kaj per tio ili forturnas sin de nia plej bona tradicio, ignoras internacian egalrajtecon kaj danĝere atakas la sociajn premisojn de esperanto.

Tial, post konstato de la klinemoj, kiujn videbligas la *Suplemento,* mi kunsente skribis al amiko Hernández. Mi kredas, ke, se ni verve distrumpetas —kaj ja ni devas tion fari!— la genian verkon de Zamenhof, kiu venkis la gigantajn vortarojn per mirinde simpla kaj kontentiga sistemo de afiksa derivado (ni memoru la leteron al Borovko!), ni faras pli gravan malutilon al nia afero, ol ĉiuj atakoj de malamikoj, kiam ni subfosas tiun geniaĵon per laŭcela enkonduko de novaj radikoj anstataŭontaj la formojn kaj formadeblojn laŭfundamente tradiciajn kaj neŭtrale demokratajn en la spirito de esperanto.

Mi opinias eraraj —eĉ serioze perturbaj por la lingvo— la tendencojn, kiujn distingeblas la *S.*; mi konsideras, ke tiu hipertrofia nuancigado per malsamaj radikoj, kiel ***magazino*** apud la jamaj ***gazeto, ĵurnalo*** (=***taggazeto***), ***revuo***, ***periodaĵo***, ***bulteno***...; kiel ***kirko*** apud ***preĝejo***, ***templo***, ***moskeo***, ***pagodo***, ***sinagogo***, ***kapelo***, ***diservejo***..., ktp, kiam sufiĉas ***(ilustrita) revuo, (kristana) preĝejo*** k. s., nur povas konduki al la kontraŭo de la sistemigo de niaj lingvaj esprimiloj, t. e. al la mortiga balastado de nia fierigilo, de nia sukcesilo —la granda aŭtonoma evolueblo de la esperantaj poveblaĵoj.

Tamen mi malkunsentas la sintenon de amiko Hernández kontraŭ Prof. Waringhien kaj ĉi ties kunlaborantoj. Ni devas ĉiam memori, ke, kiom ajn grandaŭtoritataj, ***P. V.*** kaj ties ***S.*** estas nek ***oficialaj*** (t. e. ***devigaj***) nek ***neeraremaj***. ***P. V.*** kaj ***S.*** registras nur la ***rezulton*** de la evoluo de nia lingvo. Kaj tiu registrado ne estas ia vartaĵo de privatulo, sed io tute ame, serioze, kun teĥnika kompetento farita de aro da bonegaj esperantistoj, kies lasta kaj eminenta korifeo estas Prof. Waringhien, kaj la ***S.*** nur la resuma konstato de la ***fakta*** lingvouzo dum la lastaj dudek jaroj.

Laboro de vortaristo estas sendanka, ĉar seriozaj lingvouzantoj bezonas arĥivejon de la pliego da ĉiuj kurantaj kaj kurintaj terminoj, kaj, se eble, ankaŭ indikilojn pri la evoluemoj de la lingvo. Nu, se uzanto ne trovas ilin, kiam li manumas ***plenan vortaron*** (tamen ja neniu estas tute ***plena***!), tuj li aŭ ŝi acid(et/eg)e kulpigas la kompilinton; kaj se la kompilinto amase registras ĉion, eĉ mortnaskitaĵojn, tiam li indas, ke oni prave nomu lin fuŝulo. Vortaristo staras kontraŭ la dilemo antaŭvidi la estonton kaj utili al la pasinto, iel norme pontante inter ambaŭ. Tial do mi ne kulpigas Prof-on W. kiel vortaristo, pro tio, ke li agis tute sciencule, en la plej bona tradicio montrita de la antaŭaj eldonoj de ***P. V.*** Kulpigas mi ĉefe la naturalismemon, la idismemon de niaj eŭropaj beletristoj kaj teĥnikistoj, kiuj forgesas internacian egalrajtecon kaj gape ekstaziĝas antaŭ ĉiuj ***--aci--, --anc--, --enc--,*** ktp por alonĝe

aliigi kaj malesperantigi niajn *civiliz-*, *rezist-*, *abstin-* k. s., sub preteksto de nepraj distingobezonoj por niaj *teĥnika* kaj *poezia* lingvoj, sama ŝajnigilo je kies nomo ili volas arĥaigi niajn plej vivajn derivilojn (ekz. *mal—*, *—ar—* k. a.).

Laŭ mia sento, la laboro de Prof. W. reliefigas malbonajn emojn —de supre truditajn inter kaj post la du mondmilitoj— por la memeca, sana evoluado de esperanto, ĉar ili estas rezulto de neortodoksa agado far eŭropaj naturalismemaj esperantistoj; eĉ se plejparte tute bonintence, tio tamen prezentas ekrigidigan, ekruinigan atencon kontraŭ la lerte sistemigita lingvo de Zamenhof. Ni devas do esti dankaj al Prof. W., kiu tiel donis al ni okazon elkoni nian (mis?)iron. Sed nia danko ne devas limiĝi nur al tio, ke li montris tiujn por mi ne bonajn simptomojn; kontraŭe, ni devas elstarigi la ceteran kaj gravan pozitivan laboron de nia spertega Akademiano, ekz. koncerne la preskaŭ ĉiam pli bonajn redifinojn; la lingvo-evoluigan zorgadon pri kunmetoj kaj derivaĵoj; la esploron kaj montron de la zamenhofa radikaro, ktp. Fine, sed ne laste, la fakton, ke li enmanigis al ni respondecan laborilon por la ĝusta kompreno de nia lingvostato. Respektinda, meritoplena laboro!

Kion do instruas al ni la *S.*? Ĉefe, ke ni devas agi kiel aŭtentaj, konsciaj esperantistoj, en la plej bona linio de nia tradicio kaj de nia lingva demokrateco, kiel montris Zamenhof. Certe mi ne estas malamiko de neologismoj, ĉu leksikonaj, ĉu morfologiaj, ĉu vortkunmetaj aŭ eĉ sintaksaj. Sed de tempo al tempo en Esperantujo ekkreskas diktatoremoj, jen en la organiza, jen en la lingva, jen en la rega, jen en la eldona k. c. terenoj; ili pretendas arogi al si, eĉ mem uzurpi, rajtojn, kiuj kuŝas plene en la esperantista popolo. Ni respondu al ili, kiel ni respondis dum la Ido-krizo: per pli laŭcela, pli laŭfundamenta agado, kaj ne per ŝirado de niaj vestoj, kio tre malmulte utilas.

Kiel eminente konstatis D-ro Manders: «Kontraste kun la naciaj lingvoj, en kiuj ĝenerale nur tio estas korekta, kion oni kutime uzas, en Esperanto oni povas uzi ĉiun esprimon kiu estas komprenebla kaj ne kontraŭas la Fundamenton». Nu, tial, se morgaŭ ĉiuj naturalismanoj sukcesos ĝeneraligi ***pigra***, ***lanta***, ***plumpa***, ***kirko***, ***magazino***, ***trajno***, ***floto...*** tamen mi daŭre uzos purEGan esperanton dirante ***mallaborema***, ***malrapida***, ***malgracia***, ***(kristana) preĝejo***, ***(ilustrita) revuo***, ***vagonaro***, ***ŝiparo...*** La Fundamento estas nia plej sekura defend(il/ej)o. Ni, esperantista popolo, ĝin integre garnizonu kaj tiele certe ni devigos diktatoretojn laŭiri ĝustan vojon. Ni fosu nian sulkon, kaj dume ni danku S-anon Waringhien kaj SAT pro ilia objektiva servo al la movado! (*)

*J. Régulo Pérez.*

---

(*) Ĉar la supra diritaĵo apenaŭ estas recenzo, mi ne volas paroli pri detaletoj de la ***Suplemento***, kiujn dum atenta studo mi notadis. Tamen, permesiĝu al mi citi kelkajn, kvazaŭ-pretere kaj specimene: a) Oni scias, ke ***aŭtarcio*** estas la etimologie ĝusta formo por la ĉie uzata ***aŭtarkio/aŭtarĥio***; sed, kial modifi vorton jam tiom ĝeneralan? Eĉ eraro, kiam uzo ĝin sankcias, fariĝas idioma akiraĵo, samrajta kiel laŭordaj etimologiuloj. b) ***ĉilo*** kaj ***ĉimo***: ĉu ne pli oportunaj, ĉar ankorau ĉi tiuj ne tre vaste uzataj, la formoj ***ĥilo*** kaj ***ĥimo***, laŭ la etimologia principo, des pli, ke Prof. W. —kaj tute prave, laŭ mia lingvosento— ne estas sistema bojkotanto de la utila litero ***ĥ***? c) ***donkiĥoto*** estas ĝusta formo, sed kial ***donĵuano***? Aŭ ***donĥuano***, laŭ la sama principo, aŭ ***donjuano***, laŭ la grafisma ekzistopravo. Sed iri la vojon de la ***franca*** fonetismo, kun repuŝo de la ***ĥ*** favore al la ***ĵ*** (kies hispana pratipo en aliaj lingvoj sonus ***ĝ*** aŭ ***ŝ***) ŝajnas al mi nelaŭdinda privata prefero. ĉ) Mi ne scias ĉu aliaj komprenos kion signifas ***gradiento*** laŭ *S.*; mi ne sukcesis. d) Pravigon de ***groco***, anstataŭ laŭ-etimologia ***groso***, mi ne atingas. e) Kelkaj malmultaj tuj rekoneblaj preseraretoj, ekz. p. 19 «fri kasajo», p. 24 «inercimomanto» k. a. ne ĝenas. Daŭrigi mi volus, sed mi devas jam finpunkti!

# MIA VOJAĜO EKSTERLANDE

III

Sidante en mia kupeo survoje al la Universala Kongreso, (Parizo denove restis post mi), mi estis kvazaŭ en sonĝo. Ĉu ne estis sonĝo, ke mi sidas en vagonaro rapidiranta al U. K., al mia unua U. K.? La kupeo estis plenplena kaj post la ritualaj salutvortoj konversacio ekestis inter ni. Komprenehle ni parolis en franca lingvo.

—Huf, ĝi vere estas malfacila lingvo! — mi plendis senpripense parolante en hispana lingvo. Apude sidanta sinjoro fulmorapide sin turnis al mi parolante hispane:

—Ĉu vi estas hispana?

—Jes, ĉu vi ankaŭ?

—Jes.

Niaj kunvojaĝantoj rigardis nin scivole, kaj post la klarigoj la ĝenerala konversacio fariĝis pli vigla, pli interesa. Mi estis tre interesata konversacii kun blondaj gesinjoroj, kiuj estis nederlandanoj.

—Ĉu vi iras al Haarlem? —mi demandis ilin.

—Ne, ni loĝas en Hago.

Post kelka tempo ili demandis al mi:

—Ĉu vi iras al Haarlem, knabino?

—Jes, mi partoprenos la 39-an U. K. de E. —mi respondis, kaj fiere montris mian kongreskarton.

—Sed —ili daŭrigis— ĉu vi scias ke ĉi tiu trajno ne haltos en Haarlem?

—Ĉu... ĝi... ne haltos? —mi balbutis larĝe malfermante la okulojn.

—Ne, ĝi iras senhalte de Hago al Amsterdamo.



Juna nederlanda kamparanino.

Mi restis konsternita pro tia neatendita sciigo. Nun mi devos ŝanĝi je trajno. Tio ja ne estus grava se en la stacidomoj oni aldonus al la indikiloj klarigojn en Esperanto. Bedaŭrinde ni ankoraŭ ne atingis tion! Poste mia atento estis kaptata de la belega panoramo. Ni estis jam en Belgujo. Ni eniris en Bruselon. La ĉefa stacidomo estas subtera kaj tiel granda kaj luksa, ke mi restis mirigata. La volboj estas subtenataj de kvazaŭ dikegaj kolonoj similantaj el ligno, ornamitaj la supra kaj malsupra parto per rando el latuno. La riĉa lumigado kaj la rebrilo de la latunaĵoj donis al ĝi iom fantazian aspekton. Post Bruselo ni trairis Antverpenon kaj tra la fenestro de nia kupeo ni povis primiri la belan arkitekturon de ĝia mondfama katedralo. Niaj nederlandaj kunvojaĝantoj sciigis al ni, ke baldaŭ ni transiros la landlimon. Landlimo! Terura kaj malbenita kreitaĵo de la homaro! Nu; jam sur nederlanda tero, ni rigardis scivoleme la pejzaĝon kaj aŭskultis interesite la klarigojn de niaj blondaj geamikoj. Ni eniris Nederlandon tra la «Valo de la Preĝejoj». La kamparo montriĝis absolute ebena kaj fojno kaj pomarboj kreskis ĉie.

Kaj ĉi tie kaj tie estis videblaj vilaĝetoj enhavantaj nur tre malmultajn domojn. Foje eĉ estis videblaj preĝejoj starantaj kun nur kvar au kvin domoj ĉirkaŭe. Ĉe la unua stacidomo nederlanda kie la trajno haltis, mi lernis la du unuajn vortoj en nederlanda lingvo: ***Koffie***=kafo kaj ***Melk***=lakto. Jen ni trairis Rotterdamon kaj ni povis konstati ankoraŭ la postsignojn de la terura milito. Tiu belega urbo estis senkompate detruita! Hodiaŭ jam pluraj novkonstruitaj kvartaloj fieras pri laboremo kaj obstineco. En Hago mi forlasis la trajnon kune kun la simpatiaj nederlandaj gesinjoroj. Ili afable informiĝis pri la trajno kondukonta min al Haarlem. Mi devis atendi la trajnon en la sama perono kaj ĝi alvenis post 20 minutoj.

Denove survoje, ĉi foje la pejzaĝo montriĝis tute alia. La ebena kamparo estis sulkigita de multenombraj akvokanaletoj je distanco de kvin ĝis dek metroj unu de la aliaj. Tie kaj tie la tipaj nederlandaj muelilo j aperadis kvazaŭ salutante la preterirantojn per siaj etenditaj alaroj. Grasaj bovinoj trankvile paŝtadis sin kaj anasoj flugis kaj naĝis tien kaj reen. Mi estis ensorĉita de la trankvileco kaj ĉarmo de la panoramo. Ĝi estas lando de verdo! Jes, herbo kaj fojno vidiĝas abunde kaj eĉ la akvo verdiĝas en la kanaletoj pro troa kvieteco! Mi neniam supozis ke lando kie la suno malofte brilas tiel hele kiel ĉe ni, povas posedi tian grandan ĉarmon.

Miaj aventuroj komenciĝis kiam mi alvenis en la Kongresurbo Haarlem, ĉar mi alvenis tro frue kaj neniu povis atendi min ĉe la stacidomo. La amasloĝejo kie mi devis loĝi estis ekster la urbo kaj mi devis uzi aŭtobuson por iri tien. Kiam forlasinte la aŭtobuson mi volis demandi al preteriranta sinjoro pri la loko kien mi devis iri kaj mi volis montri al li la adreson, mi rimarkis kun teruro ke mi perdis ĝin kune kun mia biletujo, verŝajne en la aŭtobuso. Estis tre malfacile komprenigi al la sinjoro, kio okazis al mi. Mi ja ne scipovis la nederlandan lingvon kaj mi devis komprenigi min per mimiko! Neniam mi pensis antaŭe kiom malfacile estas komprenigi sin per gestoj kaj grimacoj! Dume la aŭtobuso revenis kaj la ŝoforo redonis al mi la perditajn aĵojn. Ankoraŭ kelkajn klopodojn pri demandado kaj fine mi alvenis al la ĝusta loko, Overven. Sed tie estis neniu esperantisto kaj neniu scipovis la hispanan lingvon! Do, denove mi devis uzi la mimikan rimedon! Ĉe la dua tago de mia restado en Overven, alvenis nova fruvenanta gasto, samideano el Norvegujo. Tiam mi ne plu estis la nura esperantisto tie kaj feliĉe mi jam povis paroli kun iu.

Sabaton, la 31-an de Julio la kongresejo estis malfermita kaj oni disdonis la dokumentojn. Neforgesebla semajno komenciĝis. Sed mi rezignas priskribi tiun mirindan eventon, ĉar en la paĝoj de la esperantista gazetaro jam aperis pluraj raportoj pri la 39-a U. K. Mi ne partoprenis la postkongreson, sed mi vizitis la postkongresan urbon Leeuwarden kaj mi rigardis kaj admiris en la urbaj ĝardenoj, artdezegnitan per florplantoj, grandan kvinpintan stelon kaj la vorton «Bonvenon!». Nederlando estas tre tipa kaj karakteriza. Neniam mi forgesos la veturadon sur la Fermdigo, la digo kiu kunigas la provincojn Nord-Holando kaj Frislando, kaj samtempe disigas la Zuiderze (Suda Maro) de la Norda Maro. Dank' al tiu digo la Suda Maro ne plu estas maro, sed lago enhavanta dolĉan akvon kaj nomata Ysselmeer (Yssel-lago). La longeco de la Fermdigo estas proksimume 44 km.; sur ĝi estas larĝa ŝoseo, irejo por bicikloj kaj loko por duobla fervojo. Ĉe la loko kie la lasta truo de la Fermdigo estis ŝtopita oni konstruis memormonumenton nomitan «La kudrilo».

En frisaj vilaĝetoj mi amuziĝis kaj ege interesiĝis kiam mi vidis, ke ĉiuj, ek de dujaraj infanoj ĝis okdekjaraj maljunuloj, uzas lignoŝuojn. Knabinoj en laborpantalonoj kaj lignoŝuoj surbicikle kaj kun la sitelo de la lakto, iris melki la bovinojn. La nederlandaj lignoŝuoj estas tre belaj, pentritaj per plej diversaj koloroj kaj eĉ kun belaj desegnaĵoj. Maljunuloj havas nigrajn lignoŝuojn. Tiujn ŝuojn oni forlasas ekster la domoj ĉe la enirejo. Interne, en la domoj, oni marŝas en ŝtrumpetoj, sen ŝuoj. La domoj estas tre komfortaj kaj sur la planko estas dikaj tapiŝoj. Nederlando estas lando de floroj kaj fromaĝoj. En Alkmaar estas la plej granda fromaĝo-halo; la fromaĝfoiro okazas ĉiun vendredon kaj ĝi estas vere tipa kaj internacia samtempe. Tunoj kaj tunoj da fromaĝoj estas tie pakataj kaj dissendataj al ĉiuj partoj de la mondo. Florojn oni vidas ĉie; en la domoj kaj en la ĝardenoj. Ekzistas domoj, kiuj interne similas verajn ĝardenojn; en florpotoj oni kreskigas geraniojn, ortensiojn, begoniojn, judan barbon, hararon de Venuso ktp, florojn el plej diversaj specoj kaj plej belaj variaĵoj. Mi miris pri diantoj absolute flavaj!

Post la Kongreso mi restis en tiu mirinda lando tri semajnojn. Mi gastloĝis ĉe gesamideanoj en Burgwerd, Frislando, en Winkel, Nord-Holando kaj en Utrecht. Mi havis okazon viziti kelkajn Esperanto-grupojn. Eble alifoje mi rakontos al vi miajn impresojn pri la nederlandaj Esperanto-grupoj.—*Pepita Criach.*

Todo el Mundo debe saber dos Idiomas: el de su Pais y el Esperanto

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Majo.***

Jenaj samideanoj sendis la ni la korektan solvon de la enigmo n.º 15: A. Candela, V. Monsalve, P. Naranjo, J. M. Fontcuberta, R. Albero, M. Fernández Méndez, E. Miralles, J. A. Daniel, J. Silva kaj S. Roca. Atingis la 10 poentojn S-ano J. M. Fontcuberta kaj sekve ni sendas al li la libropremion.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 15

*Horizontale:* 1 Tusi, lent. 2 Ulano, matur. 3 Junkr, acida. 4 Lili, seka. 5 Sin, tro. 6 An, ne, ot, av. 7 Riĉa, oazo. 8 Plu, feo, ĉel. 9 Io, farma, nu. 10 Dorloti. 11 Marioneto.

*Vertikale:* 1 Tuj, harpio. 2 Ulul, Nilo. 3 Sanis, ĉu, da. 4 Inklina, for. 5 Orine, fari. 6 Perlo. 7 Masto, omon. 8 Lacerto, ate. 9 Etiko, aĉ, it. 10 Nuda, azen. 11 Tra, evolui.

ENIGMO N.º 17

Krucvorta enigmo, de Juan Devís. Malsupra figuro.



*Horizontale:* 1 Rabobirdo, (rad) purigilo farita el haregoj. 2 Senprefera. 3 Artikolo, (rad) batalilo, prep. montranta la materialon kiu konsistigas ion. 4 Prefikso, sufikso, superlativa adverbo. 5 (rad) Aŭdkapabla organo, (rad) centra loko de cirko por ludoj. 6 Sistemo de regado en kiu la aŭtoritato apartenas nur al mal multaj homoj. 7 (inv) Enmeti eksplodilojn en truo por detrui ion, egala. 8 Prefikso esprimanta dividon, (rad) kava parto en la kapo por sin nutri, (rad) sidilo. 9 (inv) Dependiga konjunkcio signifanta: supozante ke, (rad) ebena tegmento kun balustrado, (rad) montra pronomo. 10 Grupo da moveblaj milithospitaloj. 11 (inv) G. de papagoj, transpagi iun sumon el sia konto en la konton de iu alia.

*Vertikale:* 1 Parto de la maldika intesto, imaga. 2 Eraro pri dato de historiaĵo. 3 Ĥemia simbolo de la gadolinio, ligis specon de seĝo sur rajdbesto, interj. esprimanta surprizon. 4 Poseda pronomo, (rad) loko kie finiĝas iu spaco, (rad) tre alta ne tre vasta konstruo. 5 (inv) Knabo kies patro mortis, plaĉanta al vido. 6 Koncerna al la aperturo en fortikaĵo tra kiu oni pafas. 7 (rad) Eligi helan lumon, (rad) aliigi la staton de io. 8 (rad) Longa stango el metalo sur kiu ruliĝas lokomotivoj, (rad) linio ĉirkaŭ kiu turniĝas korpo, (rad) koni certe kaj precize. 9 Sufikso, (rad) geologia formacio de la sekundara epoko, kolekta sufikso. 10 (rad) Parto de la geometrio praktika pri la propecoj de solidoj. 11 (rad) Ŝuista kudrilego, diferenco inter efektiva kaj nominala mona valoro.

## EN HOSPITALO

Doktoro, elirinte el la ĥirurgejo, renkontas la bofilon de ĵus operaciita virino kaj alparolas lin tiel:

—Mi devas diri al vi la veron, sed mi scias ke vi estas forta kaj bone povas rezisti. Jen la novaĵo: Via bopatrino... saviĝos!

---

Doktoro kontrolas la temperaturon de sporta malsanulo.

—Ho! Vi atingis 40 gradojn!

—Diru: kia estas la rekordo?

## LERNU TRADUKANTE

***Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.***

Sendis al ni korektajn tradukojn de la tasko de Januaro samideanoj J. A. Daniel, A. Escamilla, M. Fernández Méndez, S. Roca, V. Monsalve, E. Miralles, E. E. Yelland, M. Vallés, E. Pons, F. Lledó, M. Buscató, R. Albero, A. Núñez, J. Anguita kaj A. Candela. Atingis la 10 poentojn samideanoj M. Fernández Méndez kaj S. Roca; sekve ni sendas al ili la libropremiojn. Grava peto: Ĉiu konkursanto bonvolu indiki sian adreson sur la konkursaĵo mem.

Ni ricevis tre afablan leteron de konkursantino, kiun ni volonte prezentas al niaj legantoj, ĉi sube:

«S-ro Redaktoro de Boletín, Valencia. Tre kara samideano: Mi skribas al vi por vin danki pro la sendo de la libropremio «Esperanto 60-jara», de Degenkamp. Vere mi pensis, kiam mi legis pri libropremio, ke tiu estus kajero, ne senvalora, ĉar mi opinias ke neniu libro estas tia; sed ke ĝi estus malgranda kajero aŭ antikva verketo; tamen ĝi estas vera juvelo. Oni povus titoli ĝin «Literatura Historio de Esperanto» ĉar tio ĝi estas: plej kompleta studo de lingva evoluo kaj literaturaj skoloj. Mi tutkore dankas vin kaj kuraĝas diri ke vi estas tro malavaraj, ĉar amuzaĵo tia, kia solvo de enigmoj, ne meritas tiel grandan pagon. Korajn salutojn al la kunlaboraj gesamideanoj kaj ricevu la esprimon de mia plej alta konsidero. Samideane kaj amike, *Amalia Núñez Dubús.*»

*Kaj nun, jen la plej korekta traduko de la tasko de Januaro. Bonvolu atente kompari ĝin kun via traduko. Vi lernos per viaj eraroj.*

La Alpoj, kiujn mi rigardis dum mia infanaĝo, kun iliaj eternaj neĝoj, tie en la limo de la horizonto, de la supro de la monteto Milly; la maro, pri kiu tiom kaj tiel belajn bildojn poetoj kaj vojaĝantoj gravuris en mian spiriton; la itala ĉielo, de kiu mi jam enspiris, mi diru tiel, ĝian serenecon kaj ĝian varmeton en la paĝoj de «Corinne» kaj en la versoj de Goethe: «Ĉu vi konas tiun teron, kie la mirtoj floras?»; la monumentoj, ankoraŭ ekzistantaj, de tiu roma antikveco, pri kiuj ĵusaj studoj plenigis mian penson; la libereco, fine; la distanco, kiu kovras de prestiĝo ĉion malproksiman; la aventuroj, tiuj certaj okazaĵoj de longaj vojaĝoj, kiujn juna imagpovo antaŭvidas, plaĉe kombinas kaj anticipe gustumas; la ŝanĝo de lingvo, de vizaĝoj, de kutimoj, kio ŝajnas ekmovi la inteligenton al nova mondo, ĉio ĉi sorĉallogis mian spiriton.

***Kiel nova traduka tasko, jen alia peco de la bela romano «Graziella», de Lamartine:***

**Escribí a mi padre pidiéndole autorización para proseguir solo mi viaje por Italia, y, sin aguardar la respuesta que ya temí sería negativa, resolví anticiparme en la desobediencia. «Así, si la prohibición llega—me dije—, llegará tarde. Habrá reprimenda, pero seré perdonado. Volveré al redil, pero, mientras, ya habré visto lo que deseaba.» Hice recuento de mis recursos monetarios, muy limitados; pero me acordé de que en Nápoles vivía un pariente de mi madre al cual podía pedir prestado dinero para mi regreso. Y aprovechando una hermosa noche, salí de Livorna, en el correo, con dirección a Roma. Allí pasé el invierno, solo, en una pequeña habitación de una oscura callejuela que desemboca en la Plaza de España, en casa de un pintor romano que tuvo a bien acogerme como de familia.**

### ALVOKO AL LA STUDENTOJ

*Baska Esperanto-Rondo* faras publikan alvokon al la hispanaj gestudentoj kaj studplenumintoj, por fondi Studentan Fakon en la Hispana Esperanto-Federacio. Interesuloj sin turnu al nia adreso:

Str. Padre Larroca 1, San Sebastián

16-a Hispana Kongreso de Esperanto
23 - 27 Julio 1955
Paseo de Begoña, 26 - 28
Gijón

---

40-a Universala Kongreso de Esperanto
30 Julio - 6 Aŭgusto 1955
Piazza Nettuno, 2
Bologna, Italujo

---

28-a Kongreso de S. A, T.
6 - 12 Aŭgusto 1955
Adreso: Max Holinger
Linz, Donaŭ, Aŭstrio

---

7-a Kongreso de Internacia Fervojista
Esperantista Federacio
8 - 13 Majo 1955
Poŝtfako 2311
Zurich, Svislando

---

8-a Argentina Kongreso de Esperanto
7 - 10 Aprilo 1955
La Paz, 1032 (R. 44)
Rosario, Argentino

---

33-a Germana Esperanto Kongreso
Pentekosto 1955
Neustadt an der Weinstr.
Germanujo

---

# DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 262 pesetoj.**

**J. Vigo, 10.-V. Santamaría, 30.-A. García, 5.- J. Casanovas, 20.—L. Puig, 10.—R. de Luna, 10.— J. Estañ, 20. — A. Sánchez, 10 – N. Ullar, 20.— A. Pastor, 20.—R. Maraury, 20.—J. Devís, 10.— V. Ortiz, 5.--J. Guillomín, 10.--E. Capdevila, 25.— E. Costa, 10.--Verda Stelano, 50.--Veterano, 50— V. Monsalve, 10. – J. L. Cerveró, 4. — Entuziasmulo, 19.—E. Pérez, 15.**

**Entute 645 pesetoj.**

---

Donacoj por la Madrida Ekspozicio
**J. Guzmán, 25 pesetoj.**

## *CURSOS DE ESPERANTO POR CORRESPONDENCIA*

***Forn, 19 ☼ MOYÁ (Barcelona)***

● S-ro Carlos Geiser, Praca Carlos Gomes 288, Curitiba, Brazilo, antaŭ longe ricevis el Barcelona poŝtkarton, kiu poste perdiĝis. La sendinto bonvolu ree skribi al li, por ke S-ro Geiser povu respondi.

● Kontraŭ sama materialo aŭ interŝanĝe de revuo pri ekskursoj kaj turismo «Pinheiral» (Pinarbaro), deziras interŝanĝi bildojn kaj poŝtkartojn S-ro Carlos Geiser, Praca Carlos Gomes 288, Curitiba, Brazilo.

● Brazila Korresponda Centro por Tuta Mondo serĉas interkontaktigi korespondemulojn. Petu informojn. Adreso: Praca Carlos Gomes 288, Curitiba, Brazilo.

● «Pri la Spirita Scienco de Martinus», estos senpage sendata al ĉiu petanto. Skribu al: La Spirit-Scienca Instituto de Martinus, Esperanto - Sekcio, Mariendalsvej 94-96 Kopenhago F., Danlando.

● Komencanto, 18-jaraĝa katolika junulo, deziras korespondi tutmonde kaj interŝanĝi bildkartojn kaj poŝtmarkojn. S-ro Pedro Tortajada, Pl. Roncesvalles 2, 13.ª, Valencia.

● Juna 16-jaraĝa fraŭlino, kiu de antaŭ nelonge komencis lerni nian lingvon, deziras korespondi tutmonde por perfektigi sian lingvokonon. Bonvolu sin turni al: F-ino Angeles Jorge Expósito, Barriada de la Salud, calle 5.ª, n.º 25, Santa Cruz de Teuerife, Islas Canarias.

● Franca flegistino, 30-jaraĝa fraŭlino, deziras korespondi esperantlingve kun kolegino. F-ino Horault, 3 Rue Leclerc Guillory, Angers, M. et L., Francujo.

● *Viajes Marco,* Rambla del Centro 27, Barcelona, organizas vojaĝojn «Internacia Turismo» kaj ekskursojn tra nia lando. Sendas broŝurojn kaj vojplanojn. Skribu!

● 46 gejunuloj 16-25 jaraj deziras korespondadon kun la tuta mondo pri ĉiuj temoj. Skribu al Esperantogrupo «Prospero», Neustadt an der Weinstr., Germanujo.

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA